# Konstru-Forumo N°37

6 Decembro 2012

**1 Pri la lasta Konstru-Forumo N°36**

En la lasta numero de Konstru-Forumo, aperis preskaŭ nur unu temo kaj unu demando !

La temo konsistis el recenzo pri la nov eldonita BILD VORTARO, kaj ties paĝoj prikonstruaj. Ĉar venis neniu reago viaflanke, mi supozas, ke almenaù vi tralegis la koncernajn paĝojn kaj observis multajn similajn punktojn kun niaj KoFo debatoj. Mi PLU lasas al vi-mem la zorgon malkovri tiujn similaĵojn. Mi volus ankaŭ scii kiom el vi jam disponas pri tiu vortaro, kiu ja estas montrebla verko al ne-esperantsitoj . Bonvolu do sciigi al mi, ĉu vi aĉetis , chu vi pruntis aŭ eĉ ŝtelis ĝin !



Mi estis farinta ankaŭ demandon pri tiu fotaĵo, kie aperas krom skafaldo, kontraŭ-akva barilo .
Ĉu vi memoras en kiu KoFo estis menciita tia konstrukto ?
Ĉu ankaŭ vi memoras pri ĝia nomo ?

Ĉu neniu el vi emis serĉi en la malnovaj numeroj de Ko-Fo ?

**2 Pri la asocio Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj**

Ja, "tutmonda" estas iom troiga titolo : vi scias, ke ni estas tro malmultaj. Same pri la nombro de tiuj, kiuj partoprenas la diskutojn en nia kolektivo "Konstru-Forumo".. Dank'al la ekzisto de TAKE, ni povis fin-redakti, presigi kaj sendi la ĉi-jaran JAR-KOLEKTON 2012. Tiuj el vi, kiuj pagis kotizon por la jaro 2012, ricevis ĝin post kelkaj tagoj (se ne ricevis vi,bonvolu sciigi al mi). Dum la Jara Ĝenerala Kunveno de TAKE, kie ĉeestis 7 personoj, oni konstatis, ke la bona kunlaborado de la *administra teamo* ebligis la aperon de la Jar-Kolekto ; plie, la serioza bontenado de la kontoj ebligas antaŭvidi pozitivan estonton al nia asocio kaj ties projektoj. Persone, mi Pierre, neniam disigis la membrecon en TAKE kaj la kunlaboradon en Ko-Fo. La unua utilas al la dua. Ĉu ambaŭ organizaĵoj havas saman celon ? Certe ne :

Nia kolektivo Ko-Fo celas diskuti kaj konsenti pri vorto-elekto en pluraj prikonstruaj fakoj, pli malpli laŭ la kriterioj de terminologio ( malfacile sekveblaj, pro nia malmulta nombro !)
TAKE, siaflanke, celas arigi la esperantistojn kiuj havas kompetentojn en iuj konstruaj fakoj, aŭ interesiĝas pri ili, kaj konigi al ne-esperantistoj la eblecojn de nia lingvo en teknikaj temoj.

**3 Pri Jar-Kolekto 2012.**

Ĉar, ni ne ĉiam trafas legantojn de la konstruado, ni pensis, ĉijare, doni iom pli da graveco al ne-teknikaj temoj, kiuj tamen vekos la intereson de la legantoj. Tial aperis en la Jar-Kolekto 2012, artikoloj kun vidpunktoj ĉu historiaj, ĉu urbanismaj, ĉu ekologiismaj. Vi juĝos mem pri la enhavo, kaj ni sopiras pri viaj opinioj, kiel kutime !!
Kiu el vi, karaj ge-KO-FO-anoj ne ricevis Jar-Kolekton ?

Je alia flanko, ni ĉiuj, anoj de TAKE kaj / aŭ de Ko-Fo, devus klopodi por trovi novajn *ne nur eŭropajn* kontribuantojn! Tial aperis artikolo pri rimarkinda edifico en Astana, la ĉef-urbo de Kazaĥio. (temo N° 56 en KoFo 35) Kun la sama celo respeg uli ne-eŭropajn konstruaĵojn. Samcele, mi estis skribinta al sinjoro Shen Chengru, petinte de li informojn pri nova turo en Kantono, kies ĉefa rimarkindaĵo estas la energi-kontrolado, kun muntaĵo de fasada duobla vando kaj de vento-turbino. Nia samideano Shen jam estis skribinta artikolojn en la Jar-Kolektojn 2011 (Ŝanhaja mond-ekspozicio), 2009 (ĉiel-skrapa domego), 2008 (ŝanhaja

mondfoiro), 2007 (olimpika naĝejo "akvo-kubo"), 2006 (tra nova Pekino), 2005 (Pekino fiksis planon...) .
Nu, li unue respondis tiel (*2012-09-18)*

*al sinjoro Pierre Grollemund " Pri nova turo, konstruata en la ĉina urbo Kantono.*
*Ricevinte vian leteron, mi tuj skribis al s-ro* ***Lin Yuan****, 451-802 Xia DangXi Luo, Kuang Zhou.*
*por peti lin sendi fotojn de tiu al vi. Kun salutoj Shen Chengru "*
Nenion ricevinte de tiu sinjoro Lin Yuan, mi intencis tre baldaŭ skribi al li . Tamen, intertempe, mi ricevis plian leteron de Sinjoro Shen Chengru kun **8 kolor-poŝtkartoj** de la urbo Beijing (Pekino). *Al Pierre Grollemund : "Pardonon, mi ne povis trovi la fotojn de la "Turo de la Rivero de la Perloj". Mi proponis, ke vi skribos al Esperanto-amiko* ***Ling Li Yuan*** *de Kantono por peti lin sendi al vi tiujn fotojn, se li povos trovi kaj aĉeti. La adreso de li etas....*
*Ĉifoje, por amika korespondo, mi sendas al vi 8 poŝtkarton por via apliko. Sukceson ! Kore salutas..."*
Kompreneble, ni ne nur bezonas fotojn, sed precipe dokumentadon pri tiu "ekologiisma" turo ! Mi skribis dankan leteron al sinjoro Shen, kaj aldonis 6 poŝt-kartojn de nia urbeto Saint-Etienne [ Sentetjen] kaj nepre skribis ankaù leteron al lia amiko en Pekino. Se tiu sinjoro Ling renkontos spez-malfacilaĵojn por sendi dokumentojn, mi proponos pagon de la kostoj (dankon al TAKE !)
Je la dato de 3 / 12 / 2012, li ne respondis.

La fonton de la artikolo pri la antikva roma akvodukto de Liono ni trovis ĉe la tradukaĵo (far Leo De Cooman, flandra belgo) de video-muntaĵo far francino Marijo Farizy-Chaussée [FariziŜose] . Kompreneble ni sendis 1 ekzempleron de la Jar-Kolekto al ambaù.: Mi estis informinta Leo de Cooman, ke ni zorge konservas lian esperantigan laboron, krom la vorto "akvokondukilo" kiun ni anstataŭis per la pli preciza "akvodukto". Marîjo dankis nin per la jena mesaĝo

***Merci infiniment. Vous vous doutez bien que je ne peux lire complètement tous ces documents. Toutefois, avec vos quelques explications, j'ai compris l'approche générale. J'ai été particulièrement intéressée par toutes les présentations de structures en terre car, lors de mes voyages, j'ai toujours été fascinée par ces réalisations, notamment au Mali, avec les grandes mosquées.......***

***. Je vais conserver ces documents et je suis très fière de voir mon modeste document si bien mis en évidence. Très amicalement, Marie-Jo***

Tradukaĵo *: "Multegan dankon. Vi ja konjektas, ke mi ne povas entute legi ĉiujn tiujn dokumentojn. Tamen, dank'al viaj kelkaj klarigoj, mi komprenis la ĝeneralan sintenon. Mi estis precipe interesita de ĉiuj prezentaĵoj de teraj strukturoj, ĉar dum miaj vojaĝoj, min ĉiam fascinis* [jes PIVa vorto !*] tiuj realigaĵoj, interalie en Malio, ĉe la grandaj moskeoj...... Mi konservos tiujn dokumentojn kaj mi estas tre fiera vidi mian modestan dokumenton tiel bone prilumitan. Plej amike Marîjo."*

PS : mi havas problemojn kun la konekto inter mia malnova komputilo kaj la printilo.Tial mi ne povas nuntempe skani iun ajn dokumenton ! Se ne, mi estus aldoninta unu aŭ du kopiojn de liaj 8 poŝt-kartoj.

**4 Pri la gazeto "Monato"**
Monato estas gazeto jam delonge ekzistanta en esperantujo. Ĝi havas fidelajn legantojn. Kial ne respeguli nian aktivecon, sendonte al ĝi artikolojnn prikonstruajn ?
En la **oktobra numero de 2012**, aperis en paĝo 27 interesa artikolo pri "Gigantaj vento-turbinoj" Mi lasas al vi la zorgon skribi kion vi pensas prie. Ne estas la unua fojo, kiam Evgeni Georgiev verkas artikolojn pri energiaj temoj. Jam en julio 2011, li estis aperiginta artikolon "Energio de la tegmento" pri la sun-kolektiloj. Ĉu iu el vi konas lin ?
En la lasta numero de Monato,**decembro 2012**, aperis mia artikolo pri la stacidomo de Kolmaro. Evidente, Monato devis plimallongigi ĝin, kaj tion ili bone faris : la enhavo aspektas turisma, pli ol teknika. Ĉe la fino de la artikolo aperas pied-noto por klarigi la ne-PIVan "lukarno", kun tiu referenco : "*Vd TAKE-Jarkolekton 2010pp5ss*" Ankaù tion mi celis: espereble legantoj de Monato estos scivolemaj pri TAKE !

Parenteze, la lasta numero de Monato estas tipe eŭropeca : el pli ol 20 artikoloj, (verkitaj de 15 aŭtoroj), aperis nur 1 el Brazilo, 1 el Malagasio, 2 el Japanio. Tio respegulas almenaŭ la staton de Monato, se ne ankaŭ de la esperanta movado. Sed certe ankaŭ de TAKE kaj de nia Konstru-Forumo. Kiel vi vidis en la lasta numero de Jar-Kolekto, mi provis enkonduki almenaù UNU artikolon ne-eŭropan ! Ĉu la strebado al internacieco limigas sin al la nura eŭropa kampo ?

Demando : Kion vi opinias pri Monato ? Ĉu vi abonas ĝin ?

**4 Ĉu nova temo ?** : Mi ne volas trudi al vi novan temon pri tegmento-elementoj. En KoFo N° 35, mi estis provinta enkonduki diskuton pri UNU objekton, kies formo kaj funkcio estas simpla. La vorto ne ekzistas en esperanto, kaj mi proponis "ŝilmo" (temo N°56) Kompreneble, estus bone, se iuj el vi montrante la desegnojn kaj fotojn, pridemandus samlingvajn kolegojn por scii kiel oni nomas tiun objekton en sia lingvo ( la germana, la ĉeĥa, la slovena, la nederlanda, la angla, ktp) Nu, neniu el vi reagis. Eble vi ne havas tempon, eble tio ne interesas vin.

***Ĉu vi bonvolas proponi temon ?*** Ĉu vi sentis intereson pri iu terminologia problemo ? Restas multege da traktotaj temoj, sed ni frontas plurajn malfacilajn kondiĉojn :

- Ni ne estas sufiĉe multaj . Kaj la plimulto el ni estas tro okupata.
- Nia kolektivo estas tro eŭropeca. Granda malfacilaĵo por varbi ne-eŭropanojn !
- Nia kolektivo enhavas ulojn de diversaj konstruaj fakoj, ankaù de ne-konstruaj profesioj (ekz: fervojistoj aŭ suker-fabrikistoj !)
- Pri kio ni povas havi opinion surbaze de nja profesiaj konoj ? .
  –Izolado / - beton-konstruado / - tegmentoj / - ŝtal-ĉarpento kaj konstruado.

Ni bezonus varbi esperantistojn en la profesioj : farbisto, kahelisto, tubisto, elektristo, ĉarpentisto, gipsistoj, lignaĵistoj, "plumbaĵistoj", kaj similaj.

**5 Eble nova temo ? Plastaj materialoj. Temo N°59**

En la konstruado, oni uzadas tre ofte materialojn el la plasta industrio. Foje ili plenumas novan rolon, foje ili anstataŭas malnovajn materialojn.
Persone, mi ne konas multon ĉe tiu temo. Sed, antaù ol fariĝi kemiisto, ni povas jam ekstarigi liston de jam konataj kaj uzitaj plastaj materialoj uzataj en la konstruado.. Bonvolu kontribui !
Ekz : ***PVK :polivinil-klorido*** (*ĉu ekzakta ?*)
Ĉe la esperanto versio de Vikipedio, nenio troviĝas ; ĉe la franca, mi trovis multon,sed tro da ! Tamen, ni almenaŭ rigardu la ĉi-malsuprajn simbolojn, kiujn aperigas kemiistaj firmaoj por ebligi la identigadon de siaj produktoj.

**Identigado** : la kemiaj industriistoj interkonsentis por enskribi identigan kodon sur la ekstera koverto.




Noto : mi allasis neŝanĝitaj la trovitajn malplilongigoj, anstataù esperantigi ilin, por faciligi eventualan serĉadon. Blue skribita : la franca vorto ; nigre, grase : la esperanta.

1 PET aŭ PETE : (polytéréphtalate d'éthylène) **:politereftalato el etileno,** kutime uzata por boteloj de mineralaj akvoj kaj frukto-sukoj, por diversaj pakaĵoj. Ĝi estas potence danĝera en la nutra uzado.

2 HDPE ou PEHD : (polyéthylène haute densité ): **polietileno je alta denseco** (ĉu alta aŭ granda denseco ?) Iuj boteloj, kaj pli ĝenerale duon-rigidaj pakaĵoj. Taksata maldanĝera por la nutra uzado.

3 PVC :(polychlorure de vinyle) : ***PVK :polivinil-klorido*** En PIV, mi trovis ĉe la kapvorto vinilo : "**vinil-klorido**" : (Ĉ2=CH-Cl) Mia demando : ĉu la franca vorto kaj la esperanta korespondas al la sama produktaĵo ? Mi petas vin, ke vi precizigu tion, mia kompetenteco ne estas larĝa ĉi-kampe !! Oni trovas tiun materialon ĉe tuboj, ĝarden-mebloj, ktp. Ĝi estas potence danĝera pro sia eventuala enhavo de dioksinoj, bisfenolo A, hidrargo, kadmio.

4 LDPE aŭ PEBD : (polyéthylène basse densité) : **polietinelo je malgranda denseco** aŭ **malgrand-densa polietileno**. (kial ne "**maldensa polietileno** ?) Ĝi esta suzata por produkti sakojn por rubujoj, plastajn saketojn, malrigidajn ujojn, ŝirm-tolojn. Taksata maldanĝera por la nutra uzado.

5 PP : (polypropylène) : **polipropinelo,** uzata en la aŭtomobila indusrio,ekz. por produkti la bufrojn ; ankaŭ ĉe ludiloj, ĉe pakaĵoj de la nutra industrio. Taksata maldanĝera por la nutra uzado.

6 PS : (polystyrène) : **polistireno** Oftega materialo, kiun oni trovas en la dom-konstruado ekz. ĉe izoligaj gipsaj plakaĵoj   Kaze de incendio, ĝi povas esti danĝerega, pro sia enhavo de toksa stireno. La Francoj dolore memoras pri grava incendio en 1971, en nokto dancejo nomita "la 5-7" ( ĉar ĝi estis malfermita de la 5a horo post-tagmeze ĝis la 7a matene). Tiam mortis pli ol 300 gejunuloj respirinte la toksajn fumojn de la brulintaj ornamaĵoj el polistireno). Tuj poste estis malpermesite uzi polistirenon nudan, sen la gipsa supra plakaĵo.

7 OTHER ou O : **Alia plastaĵo** ( tiu "O" montras, ke la internacieco de tiuj kodoj fontas el la angla lingvo, kiel kutime ) Tiu lasta kodo koncernas ĉiajn plastaĵojn, malsimilajn de la 6 ĉi-supre menciitaj ; ekzemplo : plastaĵoj kun bazo el polikarbonato. La polikarbonataĵoj de bisfenol A prezentas eblan toksopovon.

Demando : rigardu tiun foton kiu montras sakegon el plasto kun kudritaj fortaj rimenoj : ĝi enhavas 3 / 4 m3 da mesklaĵo sablo + gruzo, por (prepari betonon) kaj tio pezas pli malpli 1,5 tunon.



Ĝi portas la kodon 


Vidu ĉi-supre kaj respondu pri kiu plastaĵo temas ....

(PS 1 : kompreneble, mi ŝercas : vi neniel gajnos premion !)

PS 2 Hodiaŭ estas la festo de la Sankta Nikolao : do mi bondeziras ĝojan tagon al ĉiuj Nikolaoj kiujn vi konas !

PS 3 Mi sendas en aparta kunmetita dokumento foton de la 8 poŝt-kartoj de Pekino senditaj de sinjoro SHEN CHENGRU :

De maldekstre dekstren ,kaj de supre malsupren : (laŭ S-ro Shen-mem, mi nur kopiis)

1. la nova CCTV etaĝ-domo
2. "Ĝoja Urbo"  en Xidan strato.
3. Nacia naĝo centro "Akvo-kubo"
4. Xihuan Placo
5. Financa strato
6. Nacia stadiono "Birdnesto"
7. Ĉina altnivela turo starita en "Beijing" (Pekino)
8. La fajraĵa prezento en la inaŭguro de la Beijina 2008 olimpikoj.

Nepre sendu viajn reagojn, proponojn !  Mi dankas vin pro via atento kaj viaj venontaj rimarkoj. Kritikoj bonvenaj !   .  Pierre Grollemund

